# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junio n-ro 6/2008

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br


## SUKCESA 19-A ŜTATA RENKONTIĜO EN "TRÊS RIOS"

Je la 17-a kaj 18-a de majo 2008 okazis en vigla etoso kaj kun riĉa programo la bone organizita evento en ŝtato Rio de Janeiro. La sidejo estis Kolegio "Condessa do Rio Novo", en la urbocentro. Paulo Carvalho, Prezidanto de AERĴ malfermis la programon per prezento de junula muzikistaro, sub libera aero. Sekvis prelego de Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, José Passini, pri la temo de la Renkontiĝo: "Esperanto: alternativo por tutmonda komunikado".

Poste, okazis amaso da samtempaj programeroj en pluraj ĉambroj, tiel ke la partoprenantoj povis elekti inter plej variaj temoj. Krome, atelieroj pri lingvoj kaj instruado, debatoj kaj informoj al neesperantistoj estis disponeblaj. Oni prezentis ankaŭ la filmon "Idiomas do mundo".

La oficialan libron subskribis 120 homoj, inter kiuj ĉeestis neesperantistoj, kiujn allogis portugallingvaj temoj. En arta vespero prezentiĝis Neide Barros Rego, Sylla Chaves kaj urba koruso.

Notinde, ke en la unua tago de la evento, José Passini, Paulo S. Viana kaj la loka aktivulo-tradukisto Carlos Valle estis intervjuitaj de loka televid-radia kanalo dum pli ol du horoj (!), en populara programo, dum kiu oni montris filmojn kaj trafajn informojn pri Esperanto kaj nia movado. Gratulojn al la gesamideanoj de la regiono de Três Rios!

## "MOMENTON!" REAPERIS !

Por ĉies – de junaj kaj nejunaj homoj – feliĉo, jen reaperis la oficiala organo de Brazila Esperantista Junulara Organizo. Kaj ĝi reaperis impone: kun belega grafika prezento, altnivela enhavo, riĉe kaj arte ilustrita, sub ĉef-redakto de Lucas Vignoli Reis. Per noto li alvokas gejunulojn kontribui por la proksima numero, programita por semestra periodeco. Artikoloj alvokas al la 28-a Brazila Junulara Kongreso en Fortaleza/CE (julion 2008), kaj eseas pri la Esperanta kulturo. Intervjuo kun la fama kantisto JoMo, recenzo pri disko "Kore", poemoj, fotoalbumo kaj primovadaj notoj kompletigas la simpatian revuon. Oni petas: anoncu en "Momenton!", por helpi ĝian regulan aperadon. Gratulon, BEJO-anoj!

## RADISTACIO INTERVJUAS NIAN PREZIDANTON

Je la 21-a de majo oni celebris la Tagon de Nacia Lingvo. "Rádio Universitária" de la Fakultato de Komunikado de Federacia Universitato de Juiz de Fora / MG, intervjuis la Prezidanton de Brazila Esperanto-Ligo, Prof-o José Passini, kiu parolis pri la graveco de naciaj lingvoj kaj iliaj defioj en tutmondiĝa proceso. Li defendis racian alternativon por ilin protekti: Esperanto. La radistacion oni kaptas per FM 104,9 aŭ per interreto: www.radio.ufjf.br.

**"BEJO" NE KONSISTAS NUR EL JUNAJ HOMOJ, ĜI AKCEPTAS ANKAŬ PATRONOJN! ĈU VI NE EMAS?**

## ENCONTRO ESTADUAL EM TRÊS RIOS: SUCESSO!

O evento transcorreu com entusiasmo e cheio de atrações, em 17 e 18 de maio de 2008. À abertura de José Passini, seguiram-se palestras, debates, oficinas de línguas e didática, filme ("Idiomas do Mundo"), informações ao público geral, hora de arte. A TV local entrevistou José Passini, Paulo S. Viana e Carlos Valle por duas horas, mostrando filmes e outras informações sobre o Esperanto. Cento e vinte pessoas, incluindo muitos não esperantistas, assinaram o livro de presença.
Parabéns, Presidente Paulo Carvalho e ativos samideanos da região de Três Rios!

## NOVO NÚMERO DA REVISTA "MOMENTON !"

Para alegria de jovens e não jovens, recebemos o novo número da revista semestral da Juventude Esperantista Brasileira (BEJO). Com equipe de redação chefiada por Lucas Vignoli Reis, excelente aspecto gráfico e rico conteúdo (artigos, entrevista, resenha de disco, poemas, fotos e notas sobre o movimento), a revista merece leitura e apoio – inclusive com anúncios. Parabéns, jovens!

## ENTREVISTA DE PASSINI

Em 21 de maio, por ocasião do Dia da Língua Nacional, a Rádio Universitária da Faculdade de Comunicação de Juiz de Fora / MG, entrevistou o Presidente da Liga Brasileira de Esperanto José Passini, que defendeu a Língua Internacional como recurso para a preservação dos idiomas nacionais. www.radio.ufjf.br

**VOCÊ JÁ FEZ SUA INSCRIÇÃO NO 43º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO? FORTALEZA NOS ESPERA DE 12 A 16 DE JULHO!**

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junio n-ro 6/2008

## FAMA KANTISTO PODIE MONTRIS LA FLAGON DE ESPERANTO

Je la 24-a de majo 2008, sub la "Kulturtendo" Hermeto Pascoal, en la kvartalo Bangu, Rio, la konata kantisto André Leono flirtigis la standardon de Esperanto sur la podio, okaze de sia spektaklo. La artisto estas filo de la Esperantisto Aurélio Pinto, estro de Esperanto-grupo Amadeu Ferretti. La iniciato apartenas al la skipo de Projekto Esperanto al la Publiko, en tiu urbo. Io nova okazas en Rio!

## ESPERANTO-STANDARDO FLIRTAS EN "MARACANÃ"

Je la 31-a de Majo 2008, en la plej granda futbalejo en la mondo, la fame konata "Maracanã", en Rio, la flago de Esperanto ondumis en la aero. Eta sed entuziasma grupeto da Esperantistoj unuafoje iniciatis tiun simbolan faron, okaze de Olimpikoj por Paco. Ĉi tiun eventon aŭspiciis katolika movado en la urbo. Oni montris ankaŭ rubandojn, kriis kaj disdonis materialon por informi pri Esperanto kaj ĝia pacema movado. La manifestacio estis iniciato de Projekto Esperanto al la Publiko. Trafe!

## INSTRUISTO ALDONAS ESPERANTON AL SIAJ REGULAJ KURSOJ

De Filipe de Moraes Paiva (prof.fmpaiva@gmail.com) el Rio, ni ricevis la jenan mesaĝon, kiu eble taŭgas kiel ekzemplo por multaj el ni: "Mi havas bonajn novaĵojn por sciigo. Kiel oni scias, mi instruas Fizikon ĉe Kolegio Petro la II-a, kaj Esperanton posttagmeze al miaj vesperkursaj gelernantoj. La pasintan semajnon, miaj gelernantoj de Fiziko petis, ke mi malfermu novan klason de Esperanto je la 12-a horo, por ke ankaŭ ili povu lerni la lingvon. Nun do duobliĝis miaj Esperanto-klasoj." Ĉu ne imitinde?

## RADIO RIO DE JANEIRO PLU SUKCESAS, NUN INTERNACIE

Laŭ informo de Fabiano Henrique, la senlaca redaktanto de "Noticiário Esperantista" (nepre petu enskribiĝon por persone ricevi ĝin!), la tradicia Esperanto-programo de Radio Rio de Janeiro, "Esperanto, Língua da Fraternidade" atingas internacian rekonon. Ĉina Radio Internacia raportis pri ĝi je la 24-a de marto 2008: per la adreso http://esperanto.cri.cn/261/2008/03/24/1@78307.htm eblas aŭskulti la sonarkivon. Ankaŭ la retpaĝaro de la gaŭĉa esperantisto César Dornelles oni menciis tiun programon: http://cesardorneles.blogspot.com/2008/02/programa-esperantista-um-dos-lderes-de.html. Kaj ankaŭ la portalo Internacia Gazeto: http://www.internacia-gazeto.com/articoli2008/art_08_060_fabiano_radio-rio.htm. Longan vivon al Givanildo Costa kaj skipo! Ĉu vi kutimas aŭskulti?

## TAUBATÉ GASTIGOS RENKONTON EN PARAÍBA VALO

La tradicia Renkonto en la regiono inter Rio kaj San-Paŭlo okazos denove en Taubaté, je la 31-a de aŭgusto 2008. Petu informojn de alcyr@vivax.com.br. Ni praktiku nian lingvon!

TRABALHANDO PELO ESPERANTO? MANDE NOTÍCIAS!

ĈU VI AKTIVAS? INFORMU NIN PRI VIA AGADO!

## CANTOR DESFRALDA BANDEIRA DO ESPERANTO NO PALCO

O Cantor André Leono, em show na Tenda Cultural Hermeto Pascoal, no Rio, exibiu a bandeira do Esperanto no palco. O artista é filho do esperantista Aurélio Pinto. Iniciativa do Projeto Esperanto para o Público.

## BANDEIRA DO ESPERANTO NO ESTÁDIO DO MARACANÃ

Em 31 de março, no maior estádio de futebol do mundo, tremulou a bandeira verde, por obra de um grupo de Esperantistas do Projeto Esperanto para o Público. Mostraram-se faixas e distribuiu-se material de informação. O grupo participava das Olimpíadas da Paz, na cidade.

## PROFESSOR ACRESCENTA ESPERANTO AOS SEUS CURSOS

Felipe M. Paiva, professor de Física no Colégio Pedro II, no Rio, informa que conseguiu acrescentar nova turma de Esperanto entre seus alunos. Interessante, que a nova classe se formou por iniciativa dos próprios alunos! Com sua atuação modelar, o professor dobrou o número de seus alunos de Esperanto na instituição. prof.fmpaiva@gmail.com

## RÁDIO RIO DE JANEIRO: SUCESSO INTERNACIONAL

O programa "Esperanto, Língua da Fraternidade" foi motivo de reportagem na Rádio China Internacional (http://esperanto.cri.cn/261/2008/03/24/1@78307.htm) , no blog de César Dornelles (http://cesardorneles.blogspot.com/2008/02/programa-esperantista-um-dos-lderes-de.html) e no portal "Internacia Gazeto" (http://www.internacia-gazeto.com/articoli2008/art_08_060_fabiano_radio-rio.htm. Parabéns, Givanildo Costa e equipe!

PRÓXIMO ENCONTRO DO VALE DO PARAÍBA EM TAUBATÉ
31 de agosto de 2008. Informações com alcyr@vivax.com.br